20a Jaro - No 3 (205) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Marto 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro
FRANS SCHOOFS
Kleine Hondst., 11
ANTVERPENO
(Tel. 943,74)

ANONCOJ
HENRI PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1336.67 (Wilrijck)

## KRUELA FRAPO

# Frans Schoofs mortis

Granda, grandega estas la katastrofo trafinta la Belgan kaj la internacian Esperantistaron pro la tiel neatendita morto kiu frapis en plena bonfarto kaj en la plej agkapabla epoko de sia ekzisto nian bonan amikon Frans Schoofs !

La novaĵo pri tiu terura, kruela okazintaĵo disvastiĝis en Esperantujo kun la efiko de subita fulmotondro kaj konsternis ĉiujn amikojn, ĉiujn samideanojn tutmondajn kiuj konis Lin kaj sciis pri lia multjara sindonema laborado por la triumfo de l'Ideo kiu fariĝis Lia vivcelo kaj Idealo.

Kaj tuj ni ĉiuj pensis kun emocio kaj kondolenca sento al la tiel kruele trafita kunulino de l' forrabita karulo kaj al lia apenaŭ 12-jara fileto Leono.

Kaj tuj ni ankaŭ konsciis pri la neriparebla perdo kiu trafis per tiu morto ne nur la Belgan sed ankaŭ la tutmondan Movadon.



En ambaŭ efektive Frans Schoofs estis ekstreme agema. En ambaŭ Li pruvis sian amon al idealo de paco kaj de ĉiupopola interfratiĝo, sian sindonemon al tiu Idealo ĝis, ni povas diri, kelkaj momentoj antaŭ tiu horo kiam, en plena konscio de sia grava malsanstato, lia animo ekforflugis al la regionoj de l'eterna paco. « Dividu la laboron » estis Liaj lastaj vortoj elparolitaj sur Lia klinika suferlito, al Lia ploranta Edzino kaj paro de ĉeestantaj amikoj.

Kaj efektive, ĉiam fidele helpata de sia sindonema, modela Edzino, l' Amiko Frans, je profesio sekretario de l'Antverpena Asocio de l' malkaraj loĝejoj, kie Li deĵoris ĉiumatene, laboregis, jareĉe-jare, ĉiun posttagmezon kaj vesperon kaj eĉ pli longe en la nokto, por Esperanto !

Li vere kunigis en siajn manojn la tutan Belgan kaj Internacia movadojn kaj en ambaŭ li sin montris homo de devo kaj de bona, profunde pripensita konsilo.

Kiel junulo Li ekkonatiĝis kun Esperanto pere de la « Ruĝkoverta Broŝuro » kiun Li tradukis, en la daŭro de sia Esperantista vivo, en la Flandra lingvo sub la titolo : « Leerboekje van de internationale hulptaal Esperanto », kiu rapide havis duan eldonon.

Kunfondinto de la nun « Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno La Verda Stelo », li fariĝis ĝia prezidanto kaj kondukis ĝin, per organizo de multaj kursoj, de vivplenaj kaj lerte aranĝitaj kunvenoj kaj festoj ĝis nekredebla prospereco, kaj ni memoras ankoraŭ la brilajn jubileajn festojn okazintajn en la salonego « Patria », okaze de la 25a datreveno de la fondo de tiu societo kaj de la Prezidanteco de nia bedaŭrata Amiko.

En nacia kampo Schoofs estis fondinto, kaj de post la milithalto, direktoro de la revuo « Belga Esperantisto ». Multe Li laboris por la kreo kaj la disvolviĝo de la Antverpena Polica Grupo kies Honor-Membro Li estis. Antaŭ kelkaj jaroj Li starigis kun diversaj samideanoj la eldonan societon « Belga Esperanto-Instituto », sur pure komerca bazo, Societo kiu presis jam tiom da libroj, ĉu propagandaj, ĉu lernaj, ĉu literaturaj, k. c. Li prezidis ĝian Administrantaron.

Post la eksiĝo de Sinjoro A. J. Witteryck kiel Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, Schoofs, dum la kongreso de la Belgaj Esperantistoj en Mons (Pentekosto 1927) estis montrita kiel lia

posteulo. En tiu kvalito Li prezidis la Belgajn kongresojn en Gento (1929), en Lieĝo (1930), en Nieuwpoort (1931), en Antverpeno (1932), en Bruselo (1933).

En internacia kampo nia Amiko, Sekretario de l' Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj, ĉefdelegito de UEA por Belga Teritorio, estis la viro de la Internaciaj kongresoj de Esperanto. Ne nur, li ĉeestis ĉiujn okazintajn post la mondmilito — diversfoje kiel oficiala reprezentanto de Belgujo — sed Li kunlaboris al la preparado de la du Internaciaj kongresoj okazintaj en Antverpeno : 1911, 1928. La organizo de tiu lasta estis vere mirinda kaj oni sentis en ĝi la organizon genion de nia kompatinda mortinto !

Tre ageme kaj efike Schoofs partoprenis al la internaciaj kunvenoj de UEA aŭ instigataj de ĝi (nome en Locarno) kaj estas laŭ liaj principoj ke ebliĝis kaj realiĝis la repaciĝo de UEA kaj de UFE: Tio estis ja la plej granda kaj plej glora ago de Lia tuta Esperantista kariero. Ĝi datumas de apenaŭ kelkaj monatoj.

Kaj nun tiom da multjara sindonemo al alta Idealo, tiom da laboremo, tiom da lerteco, tiom da bonkoreco kaj da ĝoja humoro kaj spiriteco, post nur kvartaga mortiga malsano, haltis kaj eksilentadis en eterna ripozo ! Ni, kun koro vundita kaj danke plorante, profunde kliniĝas antaŭ tiu bela vivo, kies fadenon tro frue tranĉis la senkompata Parkino.

L. COGEN.

# LA FUNEBRA SEMAJNO

**Malsana.**

La konsterniĝo en ĉiuj domoj, kiam la novaĵo pri la morto de S-ro Schoofs alvenis, estis ne nur granda, pro la grava rolo, kiun li ludis en ĉiuj niaj Esperantistaj organizaĵoj ; ĝi sentigis sin speciale kruele, ĉar viro, en plena matureco, estis forrabita, en nur kelkaj malmultaj tagoj.

Ĝis vendredo, nia amiko ankoraŭ regule deĵoris. Tiun tagon, li tamen preferis resti endome kaj reenlitiĝis.

Sabato estas tago, kiam ofte Esperantistoj havas okazon viziti lin por laboro aŭ aĉeto de libro. Posttagmeze S-ro Schoofs tial denove leviĝis kaj serĉis pri la malsaneto, kiu trafis lin.

La nokto de dimanĉo tamen alportis al nia amiko pli gravajn doloroojn. Kuracisto estis alvokata meze en la nokto.

Grava tamen ne jam aspektis la situacio.

Dimanĉmatene la dolorego ne haltiĝis. Kuracisto kaj operaciisto pridiskutis kaj kelkajn horojn poste S-ro Schoofs forlasis sian domon, en kiun li nur estis revenonta por la funebra ceremonio, kiun la amikaro de Antverpeno kaj la tuta Esperantistaro organizis je lia honoro !

Dimanĉon tagmeze efektive operacio okazis, kaj apenaŭ 24 horojn poste, malgraŭ ĉiuj zorgoj, malgraŭ ĉiuj fervoraj deziresprimoj, la spiritoj forlasis nian amikon.

Proksimume je la 2a horo posttagmeze S-ro Schoofs mortis.

BELGA LIGO ESPERANTISTA
REĜA ESP.-GRUPO DE ANTVERPENO
LA VERDA STELO
BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

plenumas la kruelan devon informi vin pri la terura sortobato kiu trafis ilin per la neatendita perdo de

SINJORO

**FRANS SCHOOFS**

**edzo de Henriette VAN DEN PUTTE**

Sekretario de la Konstanta Reprezentantaro de la Esperanto-Movado. — Ĉefdelegito de la Universala Esperanto-Asocio, Belga Teritorio. — Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista. — Fondinto-Prezidanto de la Reĝa Esperanto-Grupo de Antverpeno « La Verda Stelo ». — Prezidanto de la Administrantaro de la Belga Esperanto-Instituto. — Direktoro de la revuo « Belga Esperantisto ». — Honora membro de la Antverpena Polica Grupo Esperantista,

kiu naskiĝis en Antverpeno la 22an de Majo 1888 kaj mortis la 12an de Marto 1934, post mallonga malsano necesiginta ĥirurgian operacion.

Ili petas vin ĉeesti la funebran ceremonion kiu okazos Jaŭdon la 15an de Marto, je la 10a horo.

Kunveno en la Kleine Hondstraat, 11, Antverpeno, je la 9.30a horo.

Enterigo en Schoonselhof.

Antverpeno, la 12an de Marto, 1934.
Kleine Hondstraat, 11.

**Rehejmiĝo.**

Ordinare la vorto « rehejmiĝo » enhavas en si ion agrablan. « Foriri signifas iom morti », diras franca proverbo. Tial ĉiuj, eĉ post la plej amuzaj vojaĝoj, ŝatas revidi la objektojn karajn, kiuj ĉirkaŭas la ordinaran ĉiutagan vivon.

Kaj post la multaj vojaĝoj, kiujn la amiko Schoofs faris por Esperanto, al konferencoj, al kongresoj, ni scias, ke li estis ĉiam kontenta reveni al tiu intima domo, nun ĵus tute aranĝita laŭ lia deziro, kaj en kiu li vivis tiom da fervoraj horoj de laboro aŭ de dolĉa kunesto kun familianoj kaj esperantistaj amikoj.

Nia kara S-ino Schoofs tial ankaŭ decidis, ke, post la longa vojaĝo, kiun ŝia edzo ĵus entreprenis, li ankaŭ devis reveni en la domon, « rehejmiĝi » en tiuj du salonoj de la teretaĝo, en kiu tiom multaj inter ni, pasis tiel agrablajn horojn.

Malfeliĉe la amiko Frans aŭ Sus, ne plu povis vidi la ĉirkaŭantajn objektojn.

Inter tiuj ĉi kaj liaj okuloj, jam turnitaj al la Eterno, oficistoj de Funebra Entrepreno intermetis nigrajn vualojn, kiuj tapiŝis la tutajn murojn.

Kiam Merkrede, je la 6a vespere, tiu reveno okazis, ĉio estis jam preta por la granda adiaŭo de la posta tago.

La ĉerko estis portita sur la katafalkon.

Super la nigra kovrilo granda Esperanto-flago estis metita. La verd-blankaj koloroj, ankaŭ tie, sur tiu funebra fono, kaj malgraŭ la malĝojo de la

momento, ŝajnis ĵeti kiel iom da Espero .. Espero, ke ĉio, per tiu ĉi morto, ne forfalos. Espero ke aliaj reprenos la taskojn, kiujn li pro Fataleco, nur duone kapablis elverki, kaj helpos starigi plene la monumenton esperantistan, kiun li jam grandparte per siaj manoj kunmetis.

Parto el la floramaso, kiun oni ĉi apude sur malgranda bildo povas admiri, jam estis alveninta, kaj tuj amikaj manoj aranĝis florĝardeneton ĉirkaŭ la ligna dometo.

### La adiaŭa saluto.

Kaj la amiko Schoofs tiam dormis sian lastan nokton en sia domo.

Jam frumatene, la silento estis rompita. Daŭre flor- kaj telegramportistoj sonoradis por alporti al la mortinto kaj al la funebranta familio, la diversajn multnombrajn elmontrojn de kora amikeco, kiu ligis tiel multajn Esperantistojn al la familio Schoofs.



Antaŭ la duono post la naŭa, la adiaŭa salutirado komenciĝis. Silenta, emociigita, la sekvantaro eniris la salonon, salutis la familianojn, klinis antaŭ la ĉerko kaj tiam kontraŭ la domo atendis.

### La paroladoj.

Je la deka, oni haltigis la procesi-iradon.

S-ro Notario Gevers, kiu anstataŭis la maljunan kaj tro tuŝitan prezidanton de la administrantaro de la « Antwerpsche Maatschappij voor Goedkoope Huisvesting », kies Direktanta Sekretario Sinjoro Schoofs estis, parolis unue.

Li diris la altan estimon, kiun ĉiuj administrantoj de la Societo havas por la formortinto, kiu ĉiam montris tiajn grandajn organiz- kaj decid-kvalitojn.

### S-ro Jakob reprezentas la internacian Esperantistaron.

S-ro Jakob, direktoro de U.E.A., kiu speciale faris la vojaĝon de Genève al Antverpeno kaj ĵus estis alveninta, du horojn antaŭe, tiam, senprepare, diris al la Amiko Schoofs, la vortojn elkorajn, kiuj spontane venir sur liajn lipojn.

Li skizis tion, kion faris S-ro Schoofs sur la internacia kampo. Li memerigis pri la grandaj kvalitoj, kiujn la formortinto montris en la diversaj okazintaĵoj de la lasta jaro.

Li konfesis la grandan perdon, kiun la internacia movado, precipe en tiu kriza kaj reorganiza periodo, suferas pro tiu teruriga morto.

La Esperanta movado estas kruele trafita.

S-ro Jakob alportis al la familio Schoofs la plej sinceran saluton de ĉiuj direktantoj de la internaciaj organizaĵoj, de ĉiuj, kiuj, ekster la lando, havis rektajn rilatojn kun S-ro Schoofs kaj tiel kapablis estimi liajn kvalitojn je ilia ĝusta valoro.

### S-ro Cogen nome de « B. L. E. »

S-ro Cogen, vic-prezidanto de «Belga Ligo Esperantisto », tiam, nome de tiu ĉi Ligo, parolis jene :

Kun koro premita de doloro mi venas, nome de Belga Ligo Esperantista kaj ĝiaj grupoj plenumi malĝojegan devon, salutante je la lasta fojo nian karan Prezidanton, nian karan, bonan, afablan Amikon Frans Schoofs nin je eterno forlasinta! Kvazaŭ fulmotondro nin trafis tiu terura, neantaŭvidebla novaĵo. Kvar tagoj apenaŭ sufiĉis por ke la morto triumfu je tiu sanplenega, fortika naturo, haltigu tiun koron batantan por ĉio utila, nobla, bela kaj homama, por ke mutiĝu por ĉiam tiu voĉo, peranto de spirito tiel vigla, tiel gaja, tiel spritoplena!

Ho naturo vere kruela, kial vi forrabis de ni tiun Amikon

## LA NACIA KONGRESO

*La estraro de Belga Ligo Esperantista kunvenis en Antverpeno la tagon de la enterigo de la Prezidanto S-ro Schoofs, kaj unuanime decidis, ke la nacia Kongreso, kiu devus okazi dum la Pentekostaj Tagoj proksimaj, en Spa, ne okazos, pro funebro*

*Ĝi estos anstataŭata per ĝenerala kunveno de la membraro de « Belga Ligo Esperantista ». Tiu ĉi kunveno okazos en Bruselo, je dato ankoraŭ fiksota. Tiu ĉi dato estos sciigata en sekvanta numero de « Belga Esperantisto ».*

*La estraro, dum la sama kunsido, demandis al S-ro Jaumotte, la liga kasisto, preni sur sin la publikigon de la sekvantaj numeroj de la organo.*

*La grupoj do sin turnu al li, por ĉiuj komunikoj pri la gazeto (Adreso : 44, Avenuo De Bruyn, Wilrijck ANTVERPENO).*

karan, tiun koron tiel fervoran? La decidoj de l' Universestro estas nepenetreblaj, kaj restas al ni nur submetiĝi, rezignacii kaj plori.

Netaksebla perdo estas tiu morto por la afliktegata Edzino de nia Amiko, por la juna fileto, kiu apenaŭ ekmarŝis sur tiu mizero- kaj suferplena tero, por la Familio, por la tutmonda Esperantista movado en kiu Amiko Frans estis tiel agema, por la Belga movado fine kies estro Li estis!

Kiom da jaroj nia Amiko Frans laboregis tage kaj nokte por la triumfo de la Zamenhofa Ideo kaj Lingvo! Kiajn klopodegojn Li ofte faris por iafoje malgranda sed utila rezultato atingota, por kreigi Esperantistan movadon tie kie ĝi ne jam ekzistis, eĉ por pacigi, ho ve, batalantojn ne sufiĉe pacajn! Ho jes, bedaŭrata Amiko Frans, bone vi meritis je la Ideo, je Via Ideo, ankaŭ la nia, al kiu vi dediĉis la plej bonan parton de via tempo kaj de Vi mem!

lian ridantan vizaĝon. Kaj mi ne povas kredi ke nun... li kuŝas en tiu ĉerko. Mi ne povas kutimiĝi al la ideo ke ni neniam plu revidos lin. Kaj tamen, se mi vidas vin ĉiujn, kiuj funebre kunvenis por malĝoje saluti lin lastfoje,... mi devas kredi.

La morto forprenis de ni la amikon la plej bonan, la plej karan, la plej ŝatindan. Ĉar li estis nobla homo. Malbono estis de li nekonata. Li povis nur ami kaj helpi. En tempo, kiam oni tiom multe parolis pri paco kaj amo inter la homoj, li bezonis nur sekvi la impulson de sia koro por servi al tiuj altaj idealoj, ne per vanaj vortoj, sed per ĉiuj siaj agoj, per sia tuta vivo.

En tiu ĉi dolorplena horo, mi ne volas, mi ne kapablus, fari la historion de tiu ekzempla vivo kiu ĵus estingiĝis. Mi volas nur mallonge memorigi kiel ĝi estis tute dediĉita al tiu homama movado kiu estas ankaŭ al ni tiom kara. La for-



Antaŭ Via ĉerko, kara Frans, mi venas kun vundita koro, nome de l' Belgaj Geesperantistoj, profunde kaj emocie kliniĝi, esprimi al Vi nian tutkoran dankon por Via dumviva senĉesa laborado por ke la Popoloj sin interkomprenu kaj interamu iom pli bone kaj pace, diri al Vi nian grandan ĉagrenon pro Via multe tro frua foriro al alia vivo, adiaŭi ĝis revido en sferoj pli altaj kaj pli serenaj, diri al Via bona, tiel kruele trafita Edzino, al Leoneto, al ĉiuj Viaj Gefamilianoj nian senliman kondolencon kaj partoprenon en ilia funebro kaj doloro.

Adiaŭ, bedaŭrata Prezidanto! Se Vi estas forrabita de ni, ni certigas ke ĉiam Vi vivos en nia memoro kaj en nia danka koro! Malpeza kaj milda estu al Vi la tero! Adiaŭ, adiaŭ, karega Amiko! Ripozu en paco!

## S-ro Boffejon aŭdigas la voĉon de "La Verda Stelo"

Nome de la Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno « La Verda Stelo », S-ro H. Boffejon, vicprezidanto de la Administrantaro, elparolis la jenajn vortojn :

Frapo de tondro ne povus trafi nin pli subite, nek pli kruele, ol trafis nin, pasintan lundon, tiu doloriga sciigo pro kiu ni ĉiuj staras, ankoraŭ nun, tute konsternitaj.

En tiu ĉi momento, mi havas antaŭ miaj okuloj klaran bildon de mia lasta vizito al nia prezidanto, pasintan sabaton. Mi aŭdas ankoraŭ liajn flegmajn ŝercojn. Mi vidas ankoraŭ

irinto uniris la vicojn de la Esperantistoj jam kiel 18-jara junulo, en 1907, kiam li fondis nian grupon, « La Verda Stelo ». Kaj de tiu tempo li restis neapareble ligita al nia movado. La samideanoj en nia lando, eĉ en la tuta mondo, sed precipe ni — en Antverpeno —, ne povas pensi al Esperanto, al ĝia batalo kaj al ĝiaj progresoj en la lastaj 27 jaroj, sen ke aperas antaŭ ni la bildo de Frans Schoofs.

Ni, Antverpenaj Esperantistoj, ni ŝuldas al li ĉion. Dum tiuj plenaj 27 jaroj li seninterrompe restis la prezidanto, la gvidanto, la animo de nia grupo. Tiuj, kiuj kiel ni, pli intime kunlaboris kun li, tiuj scias kiom li amis ĝin. Ili memoras kiel, en momentoj kiam li konsciis ke la troa laboro subfosas lian sanon, kiel li tiam diris ke li ne povas forlasi ĝin, ke li ne povus vivi sen ĝi. Li vivis por nia grupo, kiu dank'al li iĝis tiu granda kaj tamen tiel vere familia rondo.

La perdo estas por « La Verda Stelo » des pli kruela.

Sed ni silentu pri nia ĉagreno, kaj pensu pri la nekonsoleblaj edzino kaj filo. Antaŭ ilia nedirebla doloro, ni kliniĝas.

La sama granda amo, kiun ni sentis kaj sentas por la kara mortinto, estas ankaŭ al ili por ĉiam certigita.

Kara Amiko, amata Prezidanto,

La senkompata morto forrabis vin de ni. Sed, en nia memoro, en nia koro, vi plu vivas.

Kaj ni ne volas forlasi vin, ne promesante ke vian vivoverkon, kiu estas « La Verda Stelo », ni respektplene gardos, kaj en konkordo kaj harmonio kreskigos laŭ via lumiga ekzemplo.

Adiaŭ.

## S-ro Jaumotte parolas nome de " Belga Esperanto-Instituto "

La lasta paroladisto estis S-ro M. Jaumotte, administranto-delegito de «Belga Espranto-Instituto», kies administranto-prezidanto S-ro Schoofs estis.

Jen tiu parolado :

Antaŭ kelkaj semajnoj flugis tra Belgujo terura novaĵo. La Reĝo mortis; subite mortis.

La novaĵo eksplodigis en la tuta lando grandan krion de doloro.

Reĝemaj kaj nereĝemaj, ŝultroj ĉe ŝultroj, animoj ĉe animoj eksentis je tiu momento, ke ili estas ĉiuj filoj de sama lando : fratoj!

Kaj post la ploroj, la vortoj, el kiu ajn buŝo, estis ĉiuj samaj : plenaj je laŭdo por la bona, forta, honesta homo, kiu mortis.

Kara Amiko, vi intencis — ĉar vi amis la reĝon — iri por vidi la ŝtonon, kiu kaŭzis lian morton.

Sed ho ve! Vi ne plu faros tiun pian vojaĝon.

Vin ankaŭ ŝtono forpelis el la mondo de l'vivantoj. Vi ankaŭ mortis, subite mortis.

Kaj ree, en la malpli multnombraj, sed tamen ankaŭ vastaj rangoj de la Esperantistaro, la novaĵo nuna eksplodigis kaj ankoraŭ eksplodigos grandan krion de doloro.

Kaj ĉiuj-ni, same, ŝultroj ĉe ŝultroj, animoj ĉe animoj, eksentas ke ni estas la filoj kaj la heredantoj de sama ideo, de sama idealo. Ni sentas hodiaŭ pli bone ol iam, ke ĉiuj ni estas fratoj, fratoj, kiuj kune ploras la morton de patro, de bona, forta, honesta viro, kiu klopodis, ĉiam pli alten konduki la Verdan Stelon, tra ĉiuj malfacilaĵoj kaŭzitaj parte de la malobeemaj kaj malpaciemaj infanoj mem, parte per la indiferenteco de la amaso.

Tiuj infanoj komprenas en tiu ĉi solena momento, ke nenio povis vin haltigi sur vian vojon al la konigo de nia lingvo kaj ke estas ilia devo sekvi fidele viajn paŝojn.

Kaj se mi volas speciale paroli nome de « Belga Esperanto-Instituto » estas ĉar mi scias, ke de ĝia kreo, vi konsideris ke tiu iom speciala infano via, devos iam iĝi la levilo, kiu permesos pli forte enpuŝi la movadon.

Mi promesas tial al vi, ke ĉiuj kune, en amika laboro, ni flegos tiun infanon vian spiritan, kiel ni transportos sur vian tiom plendindan edzinon, nian karan Sinjorinon Schoofs kaj sur vian knabon, la amikecon, kies vastecon ni ĉiuj nur nun plene konstatas.

Sus, dat de aarde u zacht weze. En dat uw diepbedroefde familieleden in de talrijke rouwblijken die voortdurend toekomen, een hartversterking vinden en overtuigd wezen, dat wij, Esperantisten des te beter hun verdriet begrijpen, daar wij het in de ruimste mate deelen.

## La lasta vojaĝo

Denove dum kelkaj minutoj la vizitantoj povis eniri la domon kaj saluti, kaj fine, la momento por la foriro alvenis.

En la koridoro la ĉerko vidiĝis. La kapoj malkovriĝis.

Jen la amiko Schoofs ! La flago de la Antverpenaj policistoj Esperantistaj ĉe la pordo, kliniĝis super la ĉerko.

Aŭtomobilo atendis. Ĉirkaŭ la veturilo sin metas S-ro Grésillon, nome de la administrantaro de la Societo por Domkonstruo ; S-roj Jakob, Cogen, Boffejon kaj Jaumotte, nome de la organizaĵoj en kies nomo ili parolis, kaj Vermandere, delegito de U.E.A. en Antverpeno.

Sur kuseno, kiun portas oficisto : la du merit-insignoj, kiuj ĉirkaŭas la oran insignon de la grupo « La Verda Stelo », donacitan al S-ro Schoofs, en la jaro 1932, okaze de lia 25-jara jubileo de Esperanta vivo.

Dum unu kilometro, piede, ĉiuj kuniris en la funebra sekvantaro, en kiu Leoneto unue marŝis. La familianoj kaj amikoj tiam aŭtomobile daŭrigis la vojon al la malproksima Tombejo « Schoonselhof », kie, en ĉeesto de multaj, la enterigo okazis, sen plia ceremonio.

Kaj kiam la tero kovris la ĉerkon de nia malfeliĉa amiko, la sennombraj florgarboj formis, super ĝi, belan tapiŝon de freŝaj floroj: Mallongdaŭra monumento de rekono kaj dankemo, kiu jam sugestas la pli daŭran monumenton, kiun la Belga Esperantistaro, tre certe, volos konstrui sur tiu malgranda peco da tereno, kiu jam feliĉe estas Esperantista Tero !

Ke ĝi estu dolĉa al vi, Kara Amiko, kiun ni ĉiuj ploras.

Maur. JAUMOTTE.

*
* *

## Funebra Kunsido de " La Verda Stelo "

Sabaton, la 17an de Marto, la membroj de la Reĝa Societo « La Verda Stelo » estis kunvokitaj en « Witte Leeuw », por speciala kunsido, dum kiu oni estis memorigonta S-ron Schoofs.

Ĉe la estrara tablo, la seĝo de la prezidanto estis kovrita per Esperanta flago kaj nigra vualo.

S-ro Boffejon, en unu vorto, diris la teruran novaĵon kaj demandis al ĉiuj unu minuton da silento, dum audiĝis, ludita sur la pianoforto, malrapide kaj mallaŭte, de S-ino Faes: « La Espero ».

S-ro Boffejon tiam rakontis la laborplenan vivon de la formortinto kaj priparolis liajn grandajn meritojn.

Li demandis al S-ro Jaumotte, ke tiu ĉi volu klopodi, rekrei, en tiu ĉi salono, la atmosferon de la enterigo, kiun kompreneble multaj, pro profesiaj devoj, ne kapablis ĉeesti.

Per kelkaj sugestigaj frazoj kaj per la legado de la elparolitaj vortoj, S-ro Jaumotte tiam komuniigis ĉiujn en la sama penso de muta admiro por la foririnta amiko.

Je la fino, alvoko estis farita por la kunmeto de malgranda kapitalo por la konstruo de monumento sur la tombo de S-ro Schoofs. Jam de nun tiu ĉi konstruo estas certa.

S-ino Elworthy-Posenaer tiam legis ankoraŭ artikolon, kiun ŝi verkis la 13an de Marto, tuj kiam ŝi ekkonis la teruran novaĵon. Ni presas ĉi sube tiun belan tekston :

### FOR!

La Belgoj, ĉiuj Belgoj perdis sian amatan Reĝon. Apenaŭ tri semajnojn poste, la Belgaj Esperantistoj duafoje perdis sian Reĝon, sian karan ne-anstataŭeblan Prezidanton. Li estis la kerno de Esperanto en Belgujo. Li foririnta, estas kvazaŭ rado sen

akso. Ĝi ne plu turniĝas. Ĉu ni, nia kara movado, ankoraŭ povos turniĝi, nun kiam nia centro nur estas malplenaĵo ? Esperanto en Belgujo, sen la forta, agema, ĉion scianta, ĉiam modera, moderiga povo de S-ro Schoofs, ne estas imagebla. Al kiu ni nin turnos nun ? Li estis la centra punkto de ĉio. Li kunigis la pasintecon kun la estanteco. Li estis ja tiel malnova pioniro, kvankam ankoraŭ en la plej bela matureco de la vivo, preskaŭ en la junaĝo. Ho, kruela sorto ! Tiel forrabinte amatan edzon, patron, al la kara edzino, lia nobla kunlaborantino, al la Esperantido, lia fiereco, lia espero, ankoraŭ tro juna por anstataŭi la patron. Ĉu necese laŭdi lin, esprimi la vortojn de bedaŭro ? La tuta mondo lin konis, ĉiuj Esperantistoj en la mondo lin bedaŭras. La novuloj, la nesciantoj, ne povas konscii pri tio, kion li faris por nia movado. La malnovuloj kiel ni, ni ja scias tion. Ni vidis lin en lia laborejo, antaŭ la multaj, preskaŭ nesupereblaj taskoj. Ni vidis lin dum la tagoj de kongresorganizo. Ni vidis lin ĉiam, ĉar estis al li, ke oni ĉion povis demandi, de li, ke oni pri ĉio povs ricevi respondon. Li estas for, for la sindona pioniro, la kreinto de grupoj, la mastro de nia organo, la estro de nia Instituto, la ĉiam preta helpanto de fremduloj, unu el la ĉefoj de la internacia organizaĵo. Li estas for, apenaŭ kvardekkvin jara, en ŝajne plej bona sano, en la plej bela forto de la vivo, kaj en nia Belga Esperantista rondo estas granda malplenaĵo.

Kara Sinjoro Schoofs, dankon pro ĉio kion vi faris por ni, por Esperanto. Ripozu dolĉe !

## Belga Ligo kaj U. E. A.

La periodo ĝis kiam la repagintaj membroj de U. E. A. rajtis elekti premion estis ĵus forpasinta kaj S-ro Schoofs kaj mi ekkomencis la likvidon de la kalkulreguligoj kun U.E.A., kiam la terura okazintaĵo, kiun vi konas, subite haltigis tiun laboron.

Mi do demandas al la membraro, bonvolu havi iom da pacienco. En la ĵus pasintaj tagoj mi, kun la bonvolema helpo de Antverpenaj samideanoj, estis jam prizorginta ĉion kaj haviginta al U. E. A. ĉiujn necesajn sciigojn.

U. E. A. do baldaŭ povos sendi la premiojn kaj eventuale la gazeton al tiuj, kiuj ne jam ĉion ricevis.

Maur. JAUMOTTE,
*Kasisto de B. L. E.*

### Grupa Kalendaro

*La numeroj de Aprilo kaj Majo aperos respektive proks. la 15-an kaj la 30-an de Aprilo. La grupoj do tuj kaj — por tiu ĉi fojo — rekte al S-ro Jaumotte sendu la okazontaĵojn de la sekvontaj semajnoj.*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiujaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ». — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée* (ĉe F-ino L. Baiwir, Rue des Grands Prés, 72): ĉiuvendrede je la 7-a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo* (en lernejo St. Jean, Pl. Xavier Neujean), ĵaŭdojn 12-an kaj 26-an de Aprilo, je la 19-a 30 h.

*Grupo de Sclessin* (ĉe S-ro L. Dechesne, Rue Ernest Solvay, 1) ĵaŭdon 5-an de Aprilo je la 19-3 30.

---

## BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n-ro 1689.58.*

*BARBRO KAJ ERIKO. Korespondado inter du junaj geesperantistoj — aŭstrio kaj svedino. — Alois Schneider—Magda Carlsson. Eldonis 1933: Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 40 paĝoj. 13,5×20 cm. Prezo: sved. kr. 0,60.*

« Barbro kaj Eriko » prezentas legolibreton de nova tipo. Du junaj esperantistoj, aŭstra junulo kaj sveda junulino, korespondis kaj trovis unu ĉe la alia grandan simpation. Ili skribas pri siaj landoj, popoloj, familiaj aferoj, kaj fine... Sed ni ne devas malkovri sekreton. Por kursanoj kaj aliaj studantoj la libro havas grandan valoron ankaŭ pro tio, ke ĝi montras kiel oni korespondas kun samidean(in)o en fremda lando. La libro estas ilustrita per bildoj el Aŭstrujo kaj Svedujo, kaj la kovrilo, speciale desegnita de bone konata artisto, bonege altiras la atenton.

*DIALOGOJ kaj KOMEDIETOJ. Por kursoj kaj grupaj kunvenoj. Dua kolekto de Einar Dahl. Eldonis 1933: Eldona Soc. Esperanto, Stockholm. 32 paĝoj, 12×18,5 cm. Prezo: sved. kr. 0,50 broŝ.*

Antaŭ unu jaro aperigis la eldonejo kajeron de la sama aŭtoro kun la titolo: Dialogoj en Esperanto. La libreto tiel bone plaĉis al la legantaro, ke ĝi baldaŭ estos elĉerpita. Anstataŭ presigi novan eldonon, la aŭtoro verkis novan aron da skeĉoj, por ke la grupoj havos pli riĉan elekton. La celo de la simplaj teatraĵetoj estas, unue: paroligi la grupanojn, due: amuzigi la vizitantojn de grupaj kunvenoj. La skeĉoj postulas malmulte da aranĝoj, la lingvaĵo estas tre facila kiel ankaŭ la enhavo. Kiel moto de la libro oni povus meti: Studo por ludo. Tio ne malhelpas, ke ankaŭ malnovaj esperantistoj kun ĝuo legos la libreton.

*DUDEKKVARA UNIVERSLLA KONGRESO DE ESPERANTO (Paris 30 Julio—6 Aŭgusto 1932). Eldonis: 1932 I.C.K. de la Esperanto-Movado, 11, rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando). 134 paĝoj, 15,5×23 cm. Prezo nemontrita. Enhavas la protokolon kaj la raportojn de la Pariza kongreso.*

*JARLIBRO de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. — (Esperantista Akademio) 1932-1933. Eldonis: 1933. Esperantista Centra Librejo, 11, rue de Sèvres, Paris (6ème). 32 paĝoj, 11,5×15,5 cm. Prezo: Fr. 3,00.*

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.